# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 07/03/2014 Cent kvindek kvina eldono 08/03/2014 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)**



**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html




Esperanta Retradio trijariĝas, elsendo de la 1a de marto.

Multajn ĝojajn naskiĝtagrevenojn al Esperanta Retradio! Dankon al ĉiuj geaŭskultantoj, al la tuta teamo de kontribuantoj kaj precipe al Anton.

**Ctrl+alklaku la ligon, kaj aŭskultu la tutan sondosieron**

**Komento de Andrzej Bach**3/1/14, 11:27 AM pri Esperanta Retradio



Dankon Luiza pro via tre kuraĝiga ĉar kleriga preskaŭ kundivido de viaj spertoj kun ni. Tio ĉi atestas, kiom granda problemo estas daŭre la priservado de la komputilaro. Des pli granda agnosko por ĉiuj similaj al vi, kiuj persiste klopodas atingi sian celon. Estas multe por fari certe ĉie tra la mondo, por ke via kaj nemalofte eĉ mia generacioj kapablu elprofiti hodiaŭajn teknikeblecojn. Krome tre edifa estas la ekzemplo de via kun Gian Piero kunlaboro tiukampe. Bonŝance ne mankas kaj eĉ aldoniĝas pluraj ekzemploj de peresperanta kunlaboro mondskale, kaj la ERRadio apartenas tutcerte al ili. Povi utiligi la internacian lingvon por organizi plej diversajn aranĝojn, uzante kompreneble la reton tiucele, komuniki gesamideanojn tuj, sen la neceso longe atendi ajnan respondon estas granda nia atingaĵo, kvankam ofte ni iom forgesas, kiom multe ŝanĝiĝis. Do ni vidas, kiom multe ni povas hodiaŭ krei komune, sen lingvaj kaj landlimaj baroj. Mankas nur la sekvaj

kuraĝuloj, kiuj devus kompreni, kie ĉiu E-aganto, precipe tiu utiliganta sufiĉe flue la lingvon, kreas la Esperantujon kaj ties lingvon de ĉiutago - Esperanto. Ni kunagu!

---

# Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/

---







(Klaku supran bildon por informo pri Harmonia Tago)

## Ĉe Esperanto-Domo EFNSK Redfern

## Dimanĉo la 16an de Marto 2014 12tm.

Granda propaganda oportuna tago. VENU!

## Ĉu vi registris vian kluban kunvenon por "Harmony Day"?

Senpaga propagando per la Registaro de Aŭstralio

---

# El Danlando

la „Aŭstraliaj Esperantistoj" estas legataj de mi en Danlando kun granda ĝojo. Vi regule montras, kiom aktiva la Esperanto-vivo estas en via lando.
Nun mi legis pri la filmo "Ŝlosilo?", kiu baldaŭ aperu ĉe Esperanto TV. Jen mia demando: Ĉu ĝi videblos nur pere de facebook? Tion mi bedaŭrus, ĉar mi rifuzas aliĝi al facebook.
Antaŭdankon pro via respondo kaj daŭran sukceson al via laboro,
amike, Peter Weide







---

# Lingvajn Erarojn trovis Volo



En AE 154 sur paĝo 7 estas eraro : Kion (vi povas diri) pri la malfacilaĵoj kiujn vi renkontis filmante ''Ŝlosilo'' ? ''Kiu'' rilatas al ''malfacilaĵoj'' kaj havas la samajn aŭ singularojn aŭ pluralojn. Do, aŭ : malfacilaĵoj kiujn, aŭ : malfacilaĵo kiun.
Saluton, Volo Gueltling

# Letero de Gordon Coleman

(English version available by email and a request to rogerspringer@tpg,com.au)

Antaŭ kelkaj monatoj mi skribis por fari iujn sugestojn pri kiel Esperanto povus esti enkondukita en ŝtataj elementaj lernejoj en la tuta Aŭstralio. Mia sugesto estis ke esperantistoj vizitu siajn lokajn bazlernejojn kaj proponu instrui Esperanton kiel LOTE lingvon aŭ proponu krei Esperanto-klubon ene de la lernejo dum la tagmanĝpaŭzo. Mi scivolas ĉu iu vizitis siajn lokajn lernejojn.



Estas domaĝe, ke AEA elspezis tiom dum la pasintaj kelkaj jaroj, ke eble ne plu estas ebleco subteni novan ideon. Ni, aŭ pli ĝuste la antaŭa Estraro sub la antaŭa prezidanto elspezis milojn da dolaroj kaj mi vidis nenion por pravigi tiujn elspezojn.

Mia sugesto estas sufiĉe simpla: kial ne proponi rekompencon de $ 500 al membro de AEA kiu sukcesas instrui Esperanton en ŝtata baza lernejo por lerneja jaro (ne enkalkulante min kiu jam instruas ĝin en mia propra bazlerneja klaso) . Tio povus esti donackarto aŭ subvencio por vojaĝi al UEA Kongreso. Nur pensu, se ni estus uzintaj la $ 30 000+ donitajn al unu persono, por financi tion kaj ĝi estus sukcesa, ni povintus enkonduki Esperanton en 60 lernejoj. Kiu scias kiom da infanoj kaj plenkreskuloj scius pri nia lingvo?

Fine, malnova temo ŝatata de mi. La unua celo de AEA estas disvastigi la uzon de Esperanto. Nun mi supozas ke tio signifas enkonduki ĝin al tiuj kiuj ankoraŭ ne malkovris ĝin kaj helpi tiujn homojn lerni la lingvon.

Eble la malamikoj de la angla lingvo kiuj estras AEA aŭ almenaŭ tiuj kiuj havas fortan voĉon en la Esperanto-movado en Aŭstralio povos klarigi al mi kiel la celo de AEA estos atingita se ĉiuj revuoj estas en Esperanto. Estas absolute stulte esti kontraŭ la angla kaj tamen plendi, ke AEA ne plenumas sian ĉefan celon, la enkondukon de Esperanto .

La malamo de la angla de tiuj homoj haltigas la bonegan ĉiusemajnan informilon de Roger Springer havi utilecon por disvastigi la lingvon. Eĉ ESK estas ne uzebla kiel rimedo de propagando por Esperanto. Ĝi estas ĉefe, se ne plene, en Esperanto kaj ne povas esti legata de persono kiu ne estas Esperantisto. Ĉu ne estus bonege vidi tiun revuon en ĉiuj grandaj bibliotekoj en ĉiu ŝtato kaj teritorio en Aŭstralio? Atendu, kompreneble ne. Tio signifus ke homoj kiuj ne estas malamikoj de la angla lingvo povus vere interesiĝi kaj lerni la lingvon! Ĉu tio ne estus radikala?

Por tiuj, kiuj malamas la anglan kaj tiuj, kiuj parolas la lingvon mi diros sekreton: la angla estas la mondlingvo! Ne Esperanto! Kaj vidante la manieron, kiel tiuj, kiuj parolas la zamenhofan lingvon en Aŭstralio, havas nenian deziron permesi al iu konatiĝi kun ĝi, mi miras.

Mi estis informita, ke en la pasinta Kongreso en Kanbero, Trevor Steele tradukis paroladon en la anglan por tiuj, kiuj luktas por plene kompreni kaj li estis 'atakita' pro tio. Kian arogantecon havis tiu atakanto. Ĉu vi miras, kial neniu scias pri Esperanto en Aŭstralio?

Antaŭ ne tiom longe ĉe la centjariĝa kongreso en Adelajdo, mia edzino estis kun mi, kaj viro venis al ŝi kaj komencis paroli kun ŝi en Esperanto. Kiam ŝi diris ke ŝi ne kapablas paroli la lingvon li simple grumblis kaj turnis sian dorson al ŝi kaj formarŝis. Mi ne vidis la okazaĵon, alie mi esprimus koleron. Tio estas tiel tipa de multaj aŭstraliaj Esperantistoj. Malĝentilaj, arogantaj kaj tro stultaj por rimarki, ke ili faras pli da malbono ol da bono.

Mi bedaŭras diri, ke en mia opinio Esperanto havos malbonan estontecon en Aŭstralio krom se la homoj haltas esti tiom pasivaj kaj ekagas kaj due rimarkas ke havante eldonaĵojn nur en Esperanto signifas, ke nur Esperantistoj legos ilin. Hej tio ĉi ne estas raketa scienco.

Mi supraĵe rigardis revuojn de kelkaj internaciaj Esperanto-asocioj kaj malkovris, ke kelkaj estas dulingvaj. Publikigitaj en Esperanto KAJ en nacia lingvo. Nu, ĉu tio ne estas revolucia koncepto?

Jen la fino de mia grumblado. Krom se homoj vekiĝas kaj forgesas pri sia mem-graveco kaj malamo de la angla lingvo Esperanto estos morta en Aŭstralio ene de ĉirkaŭ dudek jaroj!
Amen!

Gordon Coleman, Direktoro de Instruado, AEA
Krom se eble okazis elekto!

# Nia Retadresa Esperanta Novaĵletero





La novaĵletero estas por la personoj kiuj jam eklernis Esperanton. Kompreneble alia persono povus fari novaĵleteron en la angla por personoj kiuj ankoraŭ ne lernis Esperanton. Sed kie trovi la retadresojn de la ne-esperantistoj kiuj pretus legi pri Esperanto kaj la Esperanto-movado? Kiu pretus fari tiun novaĵleteron?
Roger Springer

# Don Harlow



Dankon pro la informo rilate al Don Harlow en la ĵusa *Tamen Plu.* Mi renkontis Don dum miaj du partoprenoj en SFSU Somerkursaro en 1983 kaj 1987.

Mia ĉefa memoro pri la bonkora Don estas lia ĉiama preno de pluraj libroj, diverslingvaj kaj diverstemaj, kaj en la mano kaj sub la akselo. Mi mem estas avida leganto, sed ne tia kia estis Don. Kiel la plimulto el vi (mi supozas), mi legas libron ĝis la fino, antaŭ ol komenci alian.



Don ŝatis komenci diversajn librojn kaj daŭri la legadon simultane - nu kompreneble ne samtempe, sed jen iom de unu, iom de la dua, kaj de la tria, ktp ĝis la fino. Fininte legi unu, li aĉetis aŭ pruntepreni de la biblioteko aliajn, do ĉiu libro estis finlegita je malsama tago aŭ horo ol estis la aliaj. Sed ĉiam li nepre 'paralele' legis almenaŭ tri aŭ kvar librojn. Kiam mi rimarkis,

ke tio estas nekutima afero, li ŝultrotiris kaj ridetante informis min, ke li trovis sian metodon malpli teda ol la kutima! Por lia cerbo, sendube.
Vera Payne



## La Manlia Esperanto-Klubo. 1a marto 2014

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm
Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo



Eunice Christine Steven Ian Rainer Roger John

Informis Roger Springer



## La Melburna Esperanto-Klubo

kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm
ĉe Ross House, 247 Flinders Lane.

### La Jarkunveno

"La Jarkunveno de la Melburna Esperanto Societo okazis 24an de Februaro 2014. Ni gratulas Marcel Lerreveld, kiu refoje estis elektita Prezidanto, Ken Rolls, Vic-Prezidanto, Esther Parris, Sekretario, Heather Heldzingen, kasisto kaj Jim Radford, bibliotekisto.

Buĝetaj proponoj por kreii novan retejon kaj la daŭrigo ŝanĝi la verkadon de Marcel Leereveld, "Lingvaj Resondoj" al mola kopio estis akceptitaj. Ankaŭ propono ke ekzamenoj verkitaj de Marcel Leeereveld estos haveblaj al niaj Melburnaj membroj.

Jen fotoj de nia kunveno
Informis Heather Heldzingen"





---

## SENDU NOVAĵON, FOTOJN DE VIA KLUBO AL LA MONDO

---

## La dek plej uzataj lingvoj




http://www.youtube.com/watch?v=KTT5WJGo9t8&feature=player_detailpage
skribite en la Angla
Trovis Roger Springer

---

## Esperanto-filmĵurnalo numero 4 /2014




https://www.youtube.com/watch?v=tXQZZbn-QAQ
**ekspozicioj pri Esperanto en Ĉeĥio** trovis Nicole

---